## Tarifo de la abonprezoj.

| Landoj | Prezoj | |
|---|---|---|
| Angla | ŝil. | 3 |
| Argentina | pes. or. | 2 |
| Aŭstria | ŝil. | 5 |
| Belga | belgoj | 5 |
| Brazila | milr. | 5 |
| Bulgara | lev. bulg. | 100 |
| Ĉeĥoslovaka | kron. ĉeĥ. | 25 |
| Dana | kronoj d. | 3 |
| Estona | est. kr. | 3 |
| Finnlanda | mark. finl. | 30 |
| Franca | frankoj fr. | 18 |
| Germana | mark. or. | 3 |
| Greka | draĥmoj | 54 |
| Hispana | pesetoj | 4,5 |
| Hungara | kronoj or. | 4 |
| Itala | liroj ital. | 15 |
| Japana | jen. | 1,5 |
| Jugoslava | dinaroj | 40 |
| Litova | lid. | 7,5 |
| Latva | lat. | 4 |
| Nederlanda | gulden. | 2 |
| Norvega | kron. norv. | 3 |
| Pola | zlot. | 6 |
| Portugala | skud. | 15 |
| Rumana | lev. rum. | 150 |
| Rusa | kop. oraj. | 1,50 |
| Sveda | kron. sv. | 3 |
| Svisa | frank. sv. | 4 |
| Usona | dolaro | 1 |

Abonon por Int. Ped. Revuo sendu en nacia mono per registrita letero plej-eble pere de via landa agento al la administrejo.

Membroj de la germana asocio sendu la kotizon (4.— M: 1.— M por la germ. asocio, kaj 3.— M por Int. Ped. Revuo) al ĝirokonto „Esperanto-Vereinigung deutscher Lehrer, Leipzig-Leutzsch, No. 27.857", membroj de la saksa asocio al k-go Schönherr, ĝiro Dresden 30.560, poŝtĉeko Dresden 112.617.

Svedujo: Mi deziras korespondi kun kolegoj pri junulara movado ĉiulanda, kolekti il. poŝtkartojn por lumbildoj en mia lernejo kaj aliajn objektojn por geografia instruado. Kelkaj skoltoj el mia lernejo ankaŭ deziras korespondi kun skoltoj en aliaj landoj. Propagandcele. Fritiof Ahnfeldt, **Torskors.**

## Agentoj de TAGE.

**Vian kotizon akceptas:**

**En landoj:**

| | |
|---|---|
| Angla: | F-ino Kate Hancock, 172 Sackville Rd., Hove, Sussex. |
| Aŭstra: | Josef Feder, Wien II/I, Erlafstr. 8/9. |
| Belga: | Lab. Esp. Grupo, 24, rue de Sévigné-Anderlecht, Bruxelles, poŝtĉ. 124.801. |
| Bulgara: | Ivan Sarafov, Golemo-Selo, Kazanlika regiono. |
| Ĉeĥoslovaka: | Albin Neuzil, lernejestro Olomouc-Neredin. |
| Dana: | La Forta Voko, Dana Esperanto-Gazeto, Poŝtkto. 3584. — S-ro Paul Neergaard, Kastelsvej 21, Kopenhago. |
| Estona: | Agnes Dresen, Poska tanav 29-6, Tallinn. |
| Franca: | M. Boubou, 96 rue St. Marceau, Orléans-Loiret. |
| Germana: | Esperanto-Vereinigung Deutscher Lehrer, ĝirokonto Leipzig-Leutzsch No. 27857. |
| Greka: | D-ro A. Stamatiadis, Rodou 21, Ateno. |
| Hispana: | Ferd. Montserrat, str. Villarroel 107, 2a, 2a, Barcelona. |
| Hungara: | Librejo de H. E. S. L. (Bleier Vilmos) Ujpest, Virag--utca 9. |
| Japana: | Joshi H. Ishiguro, Tokio, Koojimachi P. O. Box 1. |
| Java: | K. Wirjosaksono, Klaten. |
| Jugoslava: | Svetislav S. Petroviĉ, Riga od Fere 3, Beograd, Jugoslavio. |
| Latva: | S-ino O. Juŝen, Riga, Ernestines iela 7 dz. 11. |
| Litova: | A. Prapuolenis, mok., Kazlu-Ruda. |
| Nederlanda: | P. Korte, Hoofd der School, Drieborg (GR). |
| Pola: | K. Majorkiewicz, Czersk-Pom., poŝtĉeka konto: PKO 202 100 (Poznan). |
| Rusa: | Centra Komitato de Sov. Esperant. Unio (SEU), poŝtkesto 630, Moskvo. |
| Sveda: | Ernfrid Malmgren, Heleneborgsgatan 6 Stockholm, poŝtĝiro 50 304. |
| Svisa: | S-ino N. Oumansky, 4 Petites Delices, Ĝenevo. |

# INTERNACIA PEDAGOGIA REVUO

8-a jaro. Numero 4
Aprilo 1929

Oficiala organo de Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj (TAGE)

**Redaktejo: D-ro KURT RIEDEL, Hübnerstrasse 20, Dresden A 24, Germanujo.**
**Sekretariejo de TAGE: M. GOLDBERG, Im Lumbsch, Oetzsch b. Leipzig, Germ.**
**Administrejo: KARL KRÖBER, Weststrasse 4, Riesa a. d. Elbe, Germanujo,**
**Poŝtĉekkonto Dresden 110715.**

---



## Voĉoj de l' homaro.

### Isaak Iselin pri Restaĵoj de l' Barbareco:

Al homarano estas permesate, ke li sciigu siajn modestajn pensojn pri la principoj kaj faroj de la ministroj kaj ŝtatestroj. Mi kredas, ne trompi min, se mi asertas, ke en la kabinetoj kaj magistrataj salonegoj barbareco loĝadas ankoraŭ plej ofte. — — —

Ĝis kiam ni aŭdos ankoraŭ paroli pri la milito, ankoraŭ ni rajtos laŭte diri: la mondo estas tre barbara. De kiam per kuniĝo al burĝ-asocioj la unuopaj homoj kaj la familioj rezignadis la videblan barbaraĵon inter si, tamen la ŝtatoj kaj iliaj regantoj ĉiam rezervadis al si tiun ĉi kiel altprezan privilegion kaj rigardadis la rajton de l' plej forta kiel dian juron. — — —

Oni apenaŭ povos montri, ke milito estas ebla, en kiu la homecaj rajtoj ne devas esti difektataj je sennombraj senkulpuloj.

Sed ĉu laŭ severa etiko ni rajtas fari maljustaĵon je iu ajn homo — li estu la plej malmulte grava —,por havigi al ni juston kontraŭ iu alia? Do ĉiam milito estos afero barbara. Ĉiam tiu estos monstro, kiu komencas militon sen la plej urĝa neceso, aŭ kiu devigas al tio iun alian.

Kiam iam raciaj kaj purigitaj principoj povos ekhavi la pliforton en la kabinetoj de la reĝoj kaj princoj . . ., tiam milito devos fariĝi neebla. Nur animoj, en kiuj la barbareco ankoraŭ dominas, povas fiprepari ion tian. Ĝi decas nur por la sovaĝuloj. Ili komencas ĝin skrupule, ili finas ĝin senfortiĝe kaj lace, ili ripetadas ĝin perfide. Barbareca internacia juro donis al ĝi la ŝajnon de la justeco kaj malfermis fontojn neelĉerpeblajn de pretekstoj,

per kiuj la profitemo de grandsinjoroj kaj ministroj persvadis la popolojn, ke ili estu faratai mizeraj kaj malfeliĉaj por sia plejbono. Ho abomeninda stimulado de la publika bonstato! Tio estas hontego de l' homaro, per kiu nur la barbareco estas subtenata kaj la disvastiĝo de la humanaj sentoj retenata.

Kiel neniam la unuopa homo povus atingi altan gradon de la perfekteco, se li ne havus la bonŝancan cirkonstancon, ke li vidadas ĉirkaŭ si multajn virtulojn kaj verajn feliĉulojn, tiel ankaŭ neniam popolo atingos efektivan bonstaton, kiam ĝi ne estas ĉirkaŭata de multaj popoloj saĝaj kaj florantaj. Nur kiam multaj feliĉaj nacioj vivados en frateca unuemo unu apud la alia, nur kiam la ŝtatanoj kaj iliaj estroj ne faros diferencon rilate al nacieco kaj deveno inter si, nur kiam ili rigardos tion kiel principon de sia politiko, ke ili ne avidu utilon, kiu estas interligata kun la malutilo por alia popolo; nur tiam la popoloj de kontinento povos ĝoji laŭte pro vera homeco, nur tiam oni povos diri: ili estas kulturitaj, kaj la barbareco estas finita inter ili. — —

Kiom estus floranta, kiom admirinda la stato de la popoloj, se oni, por ke ili fariĝu feliĉaj, uzadus nur la duonon da fortoj, kiujn oni malŝparas, por nutri kaj disvastigi malkonfidon, mizeron kaj servuton inter la popoloj! — —

La plej multaj el la eŭropaj konstitucioj portas ankoraŭ la karakterizojn de la sovaĝeco kaj de la krudeco de l' tempoj, kiam ili estis fondataj.

(El la verko »Über die Geschichte der Menschheit« (= Pri la Historio de la Homaro) de Basel-ano Isaak Iselin (1728—1782), 2-a eldono, II, 401—411; tiu ĉi verko eldoniĝis kvinfoje de 1764 ĝis 1786.) R.

---

# Pri lingvo-instruo.

Prof. D-ro J. J. Findlay, Manchester.

Al la peto de nia IPR-redakcio, Prof. D-ro J. J. Findlay respondis afable sendante artikolon, en kiu, en siaj klarigoj, li sin turnas unue al la germanaj kolegoj, sed samtempe al ĉiuj kolegoj de l' mondo, kiuj interesiĝas pri lingvo-instruo. Li sendis la artikolon en angla lingvo. Mi volonte tradukis ĝin por IPR kaj nun prezentas ĝin al la gekolegoj kun la espero, ke eble kelkaj tradukos ĝin en sian nacian lingvon por siaj naciaj porinstruistaj gazetoj.

Martha Moelke,
sekr. de „Kunlaborado“.

Kun speciala ĝojo mi respondas al la peto de l' redaktanto de IPR, skribi mallongan artikolon por Internacia Pedagogia Revuo, precipe ĉar tio okazis inter germanaj instruistoj, ke en la ĉarma malgranda eksperimenta lernejo en Jena, gvidita de Prof. Rein, mi la unuan fojon studis la pedagogion de l' lernado de modernaj lingvoj kaj ke mi tie estis invitata, gvidi eksperimentajn lecionojn*).

---

*) Vidu: „Preparations for Instruction in English on a Direct Method“ (Preparoj por la instruo de la angla lingvo laŭ rekta metodo). Elwert'sche Buchhandlung, Marburg 1892.

Mi reiras al ĉi tiuj travivaĵoj, kiuj okazis antaŭ preskaŭ 40 jaroj, ĉar mi tre volonte encerbigus al miaj kunesperantistoj tion, kiel estas grave, stari en la unua vico por reformoj, kiuj koncernas la fundamentajn principojn de la lingvo-studo. Esperanto — vidata el unu vidpunkto — estas disigenda de kaj malsimila al ĉiu studo de aliaj lingvoj, sed por ni estas pli grave, identigi ĝin laŭeble kun aliaj fremdaj lingvoj kaj akcepti por nia instruo ĉion, kio estas en la nova psikologio ĝenerale — kaj rilate la komparan lingvosciencon speciale — sana kaj akceptebla.

Estas grave por ni, ke Esperanto estas fremdlingvo kaj ke ĝi devas esti instruata kiel tia laŭ principoj de la psikologio kaj pedagogio, kiujn sekvas la plej bonaj instruistoj de la franca kaj germana lingvoj en via lando; ĉar estas certe, ke Esperanto neniam fariĝos komuna posedaĵo de la diversaj landoj, antaŭ ol estos permesite al ni, instrui ĝin kiel unuan fremdlingvon al la junaj infanoj. Kaj, se oni koncedos al ni tiun liberecon, ni devos klopodi, formi la instruon tiel efika, ke la infanoj ne nur post mallonga tempo estos ricevintaj bonan komprenon de la elementoj, sed ke ili poste ankaŭ povos turni sin al la studado de aliaj fremdlingvoj. Mi proponas, tiam diskuti kelkajn ĉefprincipojn de reformita pedagogio, kiuj inspiru la Esperanto-instruistojn, projekti Esperanto-kursojn.

1. Mi diru nur kelkajn vortojn pri la socia-etika celo de nia laboro. De la unuaj lecionoj ni devus klopodi, instigi niajn infanojn al simpatio por fremdaj lingvoj. Pro tio okazis, ke mi elektis „leterportiston" kiel intuan materialon por mia unua „Gramophone Record". La leterportisto estas ne nur figuro komuna al ĉiuj civilizitaj landoj, sed li ankaŭ estas la grava perulo de amika interkomunikiĝo. Ne necesas, ke ni parolu dum tiuj unuaj lecionoj pri internaciismo aŭ pri Zamenhof, sed nia instruo devas esti plena de ilia spirito.

2. La lingvo — ĉefe kaj antaŭ ĉio — estas pli arto ol scienco, ne la ĉefaĵo de iu ajn scio aŭ scienco, sed la praktiko de „arto". La lernanto havigas al si kapablojn — kapablojn, kiuj tuŝrilatas liajn orelojn, liajn manojn, liajn okulojn kaj ĉiujn organojn porparolajn; kaj la lernado de lingvo en la limoj de la psikologio estas la akiro de novaj kutimoj en parolataj kaj skribataj sonoj.

3. Se ĉi tiu vidpunkto estos akceptita, ni sukcesos vidi, kiamaniere la nova psikologio volas helpi nin rilate la plibonigon de nia instruo. Dum la tuta tempo oni devas postuli ion de la infanoj, nome: prefere „agi" ion alian ol spirite analizi vortformojn. Ĉi tia „aktiveco" kompreneble treege estas helpata per tio, ke ni nun povas uzi la gramofonon. Tuj post la unua leciono la „motoro" de l' infano ekfunkcias, t. e. liaj lango, laringo kaj oreloj estas ravitaj pro tio, ke ili kapablas reagi al la stimulo, vekita per la „Gramophone Record".

4. Ĉi tiu kapableco estas ne nur mekanika kapableco, kiu okupas sin pri niaj organoj, ne nur afero de psikologia reago. Ĝi enhavas ankaŭ socio-sciencajn elementojn. Tia kapableco parte koncernas estetikajn kaj dramajn reagojn en la regiono de l' konduto. Tio estis la kaŭzo, pro kiu mi de la komenco zorgis pri la „epizódoj" en mia „Gramophone Record", por gajni serion de „situacioj". La lingvo devas esti esprimo de l' vivo, kaj tio, kion la infano de la komenco lernas en nova lingvo, devas rekte eliri el la vivo de l' popolo, kiu parolas ĝin.

5. Kaj nun ĉi tiu „vivo“, kiu estas viva, socia interkomunikiĝo. devas esti prezentata en niaj klasoj kiel „ludo“ de l' vivo. Same kiel la lerta instruisto hodiaŭ instigas la lernantojn agi la rolon de Schiller aŭ Goethe, ni prezentas dum la lernado de fremdaj lingvoj al niaj lernantoj **tuj de la komenco** iun ajn malgrandan ludon, kiun ili povas lerni parkere kaj precize reprodukti.

6. Krom tio ĉi tiuj kapabloj dum la lernado de lingvoj estas ligitaj kun la estetikaj elementoj de bela arto kaj ne nur kun tiuj de praktika arto. Infanoj ĝuas lingvo-eksperimentojn tute same, kiel ili ĝuas belan muzikon kaj belajn bildojn; pro tio ni devas prezenti al ili mallongajn kantojn. El niaj naciaj lingvoj ni povas preni popolkantojn, kiuj estas la plej trafa kaj plej natura esprimo de nacia vivo. Sed kien ni turnu nin pro Esperanto-kantaĵoj? Franz Swagers prenis vian malnovan germanan studento-kanton „Edite, bibite, collegiales“ kaj ŝanĝis ĝin por pia, laŭinfana uzado:

„Jen mia mano
Samideano
Ĝoju ni, trinku ni
Je via sano!“

Ĝi prezentas la materialon por ĉarmega, simpla popolkanto, kaj tiuj, kiuj ĝin lernas, lernas Esperanton en la plej bona sento de l' vorto.

7. Post kiam iom da tia lernado okazis, viaj infanoj estos pretaj por certa kerno de gramatiko, t. e. inklinaj al la intelekta diferencigo de formoj; kaj post kiam ili sukcesis tiel, la instruisto inklinos, helpi ilin dum tia analizo; sed mi havas la nepran konvinkon, ke la instruisto devas „atendi“ kaj „rigardi“, ĉu liaj lernantoj estas maturaj por tia analizo, kaj trovinte, ke ili estas tiaj, li devas informi ilin pri tio kaj li devas fari tion, laŭeble, en la plej simpla maniero, kiel Zamenhof mem en siaj dekses reguloj. Aŭ per aliaj vortoj: la analizo estu en la servo de l' arto kaj ne inverse.

8. La sama principo validas por la studo de l' fonetiko. La granda pliparto de l' homaj estaĵoj lernas la elparolon kvazaŭ en la „marĝeno“ de l' atento. Se ili havas okazon, lerni bonan esprimmanieron, ili tuj ĝuste elparolos la fremdan lingvon, nesciante, kiel. Por tiuj personoj la provo, direkti la atenton al la diferencoj inter la sonoj, ne estas necesa.

Tamen malfacilaĵoj rilate la elparoladon estas serioza afero, precipe pro tio, ĉar la lernanto devas kaj skribi kaj paroli la lingvon. Pro tio iliaj perceptoj, dum kiam ili komencas skribi, estas konfuzataj per bildoj, kiujn inspiras al ili la kutima alfabeto de ilia gepatra lingvo. Tial Vietor kaj Passy starigis la internacian fonetikan alfabeton; sed dum ĝia uzado ĉe junaj lernantoj en lernejoj montriĝis malfacilaĵoj, kaj mi jam de longe konvinkiĝis, ke tiu alfabeto, kiu ja estas sufiĉe utila por universitato-studantoj, ne povas esti sukcesige uzata por infanoj. Do, kelkaj inter ni en Anglujo eksperimentas per fonetika kodo „The Gregg Phonetic“, kiu poste praktike povas esti uzata dum la stenografado. Sed tio estas temo, kiu bezonus multe pli da klarigoj, ol ili estas eblaj en ĉi tiu gazeto. Mi nur povas atentigi la legantojn pri io en la kodo — kiun mi aperigis en mia malgranda libro — kion oni povas trovi en unu el la lastaj numeroj de IPR (komp. Internacia Pedagogia Revuo, Novembro 1928, traduko el „Moderna Lernado de Lingvoj“).

9. Ĉi tiu akiro de kapabloj, kutimoj kaj inklinoj al lingvoj devus esti instruata nur laŭ ĝojiga maniero. Kial niaj infanoj restu tiel solenrigidaj dum

la lecionoj? Mi rememoras, kiom dignoplenaj kaj seriozaj estis la germanaj instruistoj, kiam mi kun ili ĉeestis en la pasinta jarcento! Ili ŝajnas **troŝarĝitaj** ne nur per scienca scio, sed ankaŭ per disciplino. Estas neniu dubo, ke mi al ili aperis iomete malzorga kaj facilanima; sed ankaŭ infanoj estas malzorgaj kaj oni devus permesi al ili, ke ili dum la lernado de novaj kutimoj ridu kaj ludu. Ĉar oni devas memorigi pri tio, ke la lingvo profunden enkondukas en la internan vivon, kaj ke gaja, feliĉa respondo estas decidiga por la tuta diferenco de energio, kun kiu ili akceptas novajn eksperimentojn. Jespersen pli ol unu fojoñ montras tion en siaj historiaj esploroj.

La supre donitaj paragrafoj atentigas en la plej mallonga formo pri la ĉefaj principoj, kiujn mi celas, por esplori la tutan nunan lernejo-instruon. Mi mem antaŭ du jaroj venis al klara juĝo pri ili, kiam mi povis por mi fiksi certan periodon por la lernado de Esperanto; kaj mi nun rekomendas al miaj kuninstruistoj en Anglujo, ke ili, se ili volas havigi al si pli profundan konon de lingvoscienca psikologio, mem sin submetu al la sama eksperimento, t. e. ke ili uzu kelkan tempon, por akiri la elementojn de lingvo, kun kiu ili antaŭe ne konatiĝis.

Se ili ne deziras, scipovi Esperanton, ili scipovu la kimran lingvon aŭ faru provon kun la rusa lingvo, por tiamaniere meti sin en la situacion de komencanto: per memobservo ili venos al pli bona kompreno de la bazigenda psikologio.

Malfeliĉe certa nombro da instruistoj entute ne inklinas, fari observojn, kaj plej malmulte observi siajn propraju pensojn, kiam ili okupiĝas pri lernado. Malgraŭ tio ĉi la konsilo, kiun mi donas ĉi tie, tamen estas bone fundamentita; kaj kelkaj kolegoj en Anglujo nun estas pretaj, akcepti ĉi tiun vidpunkton. Ni jam havis instruistan feriokurson sub la protekto de mia propra universitato en Manchester, en kiu ĉiu partoprenanto faris komencon per Esperanto, samtempe studante la psikologion de l' lingvoscienco. Ni proponas, ripeti tiujn kursojn; kaj krom Esperanto oni akceptos la kimran lingvon, kiel lingvon fremdan al la plej multaj angloj, por tiuj, kiuj preferas tian eksperimenton.

Tiaj ferio-kursoj fakte estas la plej oportunaj rimedoj, por kiuj reformideoj povas esti disvastigataj inter la anoj de la instruistoprofesio. Se estas permesate al mi, ankoraŭfoje rememorigi pri miaj propraj spertoj en Germanujo, mi rememorigas la someran kurson en Jena en la jaro 1893, kiam ni invitis anglajn instruistojn, partopreni la ferio-kursojn de profesoroj Rein kaj Detmar, kaj kiam ni helpis al tiuj fremduloj dum la elemento-studado de l' germana lingvo. De tiam ferio-kursoj estas aranĝitaj abunde en tuta Eŭropo kaj ili treege estas atentataj de fremduloj; tiel niaj instruistoj, eĉ en Anglujo, en konsiderinda maniero konatiĝas kun la germana kaj franca lingvoj, antaŭ ol ili provas, instrui ilin. Sed nun por ni venis la tempo, fari pluan paŝon antaŭen kaj direkti nian atenton en tiaj ferio-kursoj al psikologio kaj pedagogio. Mi firme esperas, ke Esperanto en tiaj kursoj okupos gravan lokon, ĉar ĝi estas valora posedaĵo por ĉiu instruisto, eĉ se oni ne petos lin, fariĝi Esperanto-instruisto en sia lernejo.

---

# Organizo de Korespondado inter ĝekolegoj kaj lernejo-klasoj.

D-ro Dietterle.

Ĉiu nova samideano travivas la samon rilate la uzadon de la por li nova lingvo Esperanto.

Komence li ĝojas pri la simpla, klara konstruo de la lingvo kaj ĝojas pri ĝia facileco. Sed li, parolante kaj ekzercante la lingvon en sia kurso aŭ grupo, ankoraŭ demandas dubante: Ĉu mi vere sukcesos, kompreni alilandan esperantiston kaj ĉu li komprenos min? Nova ĝojo, kiam nun venas gasto el alia lando en la urbon, en la grupon — kaj la dubo preskaŭ tute malaperas. Sed iomete ĝi ankoraŭ restas; oni diras al si: nu, ĉi tiun fremdulon mi komprenis, sed ĉu mi komprenos ankaŭ aliajn el aliaj landoj? Kaj la dubo definitive malaperas kaj regas grandega ĝojo, eĉ entuziasmo, kiam oni la unuan fojon vizitas internacian kongreson. Tiu travivaĵo estas la kulminacia ĝojopunkto en la vivo de la nova adepto de niaj ideo kaj lingvo.

Kaj fakte nur la internacia uzado de la lingvo daŭre ligas al nia lingvo.

Sed eble nur malofte venas alilandaj samideanoj en nian urbon aŭ urbeton, kaj la vizito de internacia kongreso por multaj (kaj inter ili ne la plej malbonaj esperantistoj) restas deziro ne plenumebla — mankas tempo, mankas la necesa mono, por fari vojaĝojn.

Ĉu ne ekzistas io, kio povus eble iomete rekompenci por tio, ke oni ne povas **paroli** kun alilandaj esperantistoj? Certe — nome tio, kio dum la jaroj 1887—1905 (la jaro de la apero de Esperanto ĝis la unua internacia kongreso) ĝojigis, kontentigis kaj ĉiam denove instigis kaj antaŭenpuŝis la samideanojn de la unua tempo: **skribi** leterojn al eksterlandaj samideanoj, **korespondi** kun anoj de aliaj landoj.

Ĉu Esperanto havas nur la taskon kaj celon, servi kiel parolata lingvo? Ĉu ne same kiel skribata? Ankaŭ tiel ĝi progresigas nian aferon kaj ĉiun unuopan anon de ĝi, ĉar tiamaniere li lernas bonan, internacian stilon, li plivastigas sian spiritan horizonton, li pliriĉigas siajn konojn de homoj en aliaj landoj, li iom post iom, paŝon post paŝo, konvinkiĝas pri tio, ke ankaŭ malantaŭ la bariloj kaj limoj de lia lando loĝas „homoj", homoj tute same sentantaj, kiel ni; li kun kaj per ĉiu nova letero, sendita al kaj ricevita el alia lando, pli bone komprenos la ideon kaj idealon de interpopola paco — tiom urĝa precipe por ni hodiaŭ — kaj fine li sukcesos diri: mi havas **amikojn**, ne nur kunkorespondantojn, **en la tuta mondo.**

Mi riskas tri asertojn:

1. nur tiu estas vera esperantisto, kiu diligente kaj celkonscie uzas la eblecon, korespondi kun alilanduloj;
2. nur li faras propagandon tre efikan (ne nur je si mem, sed ankaŭ je la neesperantistoj);
3. nur li daŭre restas kaj restos ligita kun nia afero.

Tio, kion mi kritikas koncerne nian tutan, ĝisnunan, kutiman propagandon, estas la jeno:

Oni aranĝas propagando-kunvenojn, elspezas monon por anoncoj kaj afiŝoj, luas salonegojn, prezentas paroladojn, klopodas varbi novajn samide-

anojn. Ofte la rikolto ne estas kontentiga. Sed, se ĝi estas tia, se oni konvertis al Esperanto multajn personojn (eble en granda urbo kelkcentojn — kiel ni travivis tion), se oni starigis novajn, multnombrajn kursojn, se oni enkondukis Esperanton en kelkaj lernejoj kun grandaj klasoj (ankaŭ tion ni travivis), oni pensas, ke nun la afero estas **farita.** Farita? tute ne, nur komencita! **Farota! Farenda!** Aŭdante pri la grandegaj ciferoj de la venditaj lernolibroj, pri iamaj kursanoj, pri la multaj infanoj, kiuj jam lernis Esperanton, oni mirigite demandas; kien ili malaperis, kie restis la multaj procentoj, kiuj venis kaj foriris por ĉiam? Nu, mi ne miras hodiaŭ pri tio, nek hieraŭ miris, nek morgaŭ miros. Ekzistas ja multaj kaŭzoj por la malapero de la multaj, sed unu el la plej ĉefaj estas, ke oni ne donis al ili okazon, praktike uzadi Esperanton en korespondado. Oni eĉ forgesas kaj malatentas tute tion, ke, kiel mi jam aludis, post la fino de la kursoj la vera, profitodona laboro nur povas komenciĝi kaj ne jam estas farita.

Ni ja vidas rubrikojn pri personoj „kiuj deziras korespondi" en preskaŭ ĉiuj gazetoj. Sed laŭplane ordigita korespondado ne ekzistas. Pro tio mi ne volas kulpigi niajn redaktorojn, kiuj havas aliajn devojn. Mi ankaŭ ne faros proponojn por la tuta samideanaro. Mi nur faros kelkajn por la gekolegoj de nia IPR.

Jam en Genève dum la „Pedagogia Konferenco", al kiu invitis la sekretariaro de la „Ligo de Nacioj", en unu el la kolegaraj publikaj kunsidoj mi faris la proponon (unuanime akceptitan), krei centron kaj organizon por internacia korespondado de klasoj kaj lernantoj. Oni eĉ elektis komisionon. Kie ĝi restis? Nu, kiel multaj komisionoj, sur la papero!

Denove mi nun faras tiun ne efektivigitan proponon en — kiel ŝajnas al mi — pli taŭga medio, nome antaŭ vi, TAGE-anoj kaj IPR-legantoj. Samtempe mi kompletigas ĝin proponante:

Ni zorgu pri la demando de internacia korespondado inter gekolegoj ĉiulandaj unuflanke kaj lernejoj-klasoj aliflanke. Pri la bezono de tia korespondado mi ne plu perdos eĉ unu vorton. Mi nur volas konstati, ke el ĉiuj respondoj kaj raportoj, kiuj vekis la intereson de IALA, precipe tiuj estis efikoplenaj, kiuj parolis pri la leterinterŝanĝado de infanoj el ĉiuj landoj.

Kiu volas kompreni min, por tiu ne plu necesas pluaj klarigoj. Kiu ne volas kompreni, al ĉi tiu ankaŭ ne helpos multegaj klarigoj kaj admonoj.

Jam ofte, kiel direktoro de la Esperanto-Instituto por la Germana Respubliko, mi ricevis plendojn de kolegoj, kiuj diras, ke mankas kaj al ili mem kaj al iliaj klasoj sufiĉa nombro de korespondantoj.

Certe vi nun volas aŭdi konkretajn planojn. Nu, aŭdu. Ni starigu por IPR du rubrikojn:

A. Rubrikon por gekolegoj, kiuj deziras korespondi,

B. Rubrikon por klasoj, kiuj deziras korespondi.

Sed ni aranĝu korespondadon nur por seriozuloj inter instruistoj kaj lernantoj, ne nur por kolektantoj de poŝtmarkoj aŭ ilustritaj poŝtkartoj kun „la poŝtmarko bildflanke", aŭ por „interrilati kun belaj fraŭlinoj". La celo „kolekti ion" por la infanoj povas ja resti apuda, sed ne estu ĉefa afero. La infanoj korespondu pri aferoj (temoj ne mankas), per kiuj ili estu edukataj kiel mondburĝoj (niaj amikoj el SAT pardonu ĉi tie la esprimon „burĝo"), kiel

tutmondaj kamaradoj, al interpopola paco kaj interkomprenigo. La gekolegoj faru la samon korespondante pri ĉiuj seriozaj temoj, sed precipe ankaŭ pri instruisto-fakaj temoj.

Ĉi tiuj rubrikoj estu aldonataj kiel „Aldono" al IPR, en la formato de nia gazeto kaj kvarpaĝaj, por ke oni povu kolekti ilin. Ĉiam, kiam la nombro de la sin anoncantoj sufiĉas por unu „Aldono", ĝi estos presata. La aldonoj enhavu la du supre jam aluditajn rubrikojn A kaj B kun ciferoj, kiuj trakuras ĉiujn aldonojn. Tiamaniere ĉiu kolego kaj ĉiu klaso havos kaj retenos sian nombron. La anoncoj estu akceptataj senpage. Oni presigu la „Aldonojn" en sufiĉa kvanto, por ke ili ne estu tre baldaŭ elĉerpitaj kaj povu esti liverataj al novaj abonantoj.

Sed la kolegoj kaj klasoj, kiuj anoncis sin por la Rubrikoj A kaj B, tion nepre sentu sian devon:

1. konstati, kun kiuj landoj ili volas korespondi;
2. raporti, kiam la nombro de la korespondantoj por ili estas sufiĉa;
3. raporti, kiam ili denove bezonas novajn korespondantojn;
4. doni precizan sciigon pri la personoj (la „Perantoj"), kiuj aranĝas kaj kontrolas la korespondadon de la anoncitaj klasoj;
5. je la fino de l' jaro mallonge raporti pri la evoluo de la tuta afero, aldonante speciale interesajn sciigojn.

Tiam la afero estos tre simpla. Mi klarigu tion per ekzemploj (kiuj kompreneble estas nur fiktivaj):

Oni legos en la rubrikoj, ekz.

Aldono II

| | | |
|---|---|---|
| (1. V. 1929) | A N-ro. 127 | John Williams, instruisto en popollernejo, London N. 11, 25 Macdonald Road, (Anglujo), deziras korespondi kun germanaj kaj rusaj gekolegoj, precipe pri edukaj demandoj kaj literaturo. |
| (1. V. 1929) | B N-ro 56 | klaso O II. (aĝo de 16—18 jaroj, 14 lernantoj, 5 lernantinoj) de la Schiller-Realgimnazio en Leipzig (Germanujo) deziras korespondi kun samaĝaj gelernantoj el aliaj landoj. Peranto: studkonsilisto P. Doering, Leipzig C. I, Gottschedstr. 7, II. |

Aldono V

| | | |
|---|---|---|
| (1. VIII. 1929) | A N-ro 127 | ne plu bezonas korespondantojn. |

Aldono VII

| | | |
|---|---|---|
| (1. X. 1929) | B N-ro 23 | ne plu bezonas korespondantojn. |

Aldono IX

| | | |
|---|---|---|
| (1. XII. 1929) | B N-ro 23 | denove bezonas korespondantojn, se eble el Orientazio. |

ktp. ktp. ktp.

Unu malhelpaĵo certe ekestos: ni havos komence tre malegalan proporcion ekz. inter la nombro de germanaj korespondantoj kaj tiuj el malgrandaj, ankoraŭ ne sufiĉe esperantigitaj, landoj. En kelkaj landoj mankos kolegoj kaj klasoj por la korespondado. Sed ni ja tute ne volas, ke la korespondado estu limigata nur al kolegoj kaj klasoj. Eble el kelkaj landoj personoj de aliaj pro-

fesioj korespondos kun instruistoj, aŭ plenaĝuloj kun infanoj. Kial ne? Tio, kion ni celas estas superrigardo regula kaj sufiĉa ordo.

Por havigi al ni tiajn superrigardon kaj ordon, ni bezonas centron por la tuta koresponda afero.

Ĉar mi firme kredas, ke la rezultoj de tia bone ordigita leterinterŝanĝo inter gekolegoj kaj inter infanoj el ĉiuj landoj estos io, kio ankaŭ interesas IALA-n, la sekretariino de nia „Kunlaborado“ kun IALA deklaris sin preta, zorgi pri la starigo, presigo, ordigo kaj regulaj kompletigo kaj kontrolo de la „Aldonaj Rubrikoj“ en IPR. Tiamaniere ni havos la garantion, ke la afero funkcios.

Kion vi opinias, karaj gekolegoj, pri ĉi tiu plano? Skribu vian opinion — aŭ pli bone — jam nun anoncu vin kaj viajn klasojn. Sed ne forgesu, ke la leterinterŝanĝo de klasoj kaj infanoj nepre devas esti aranĝata kaj kontrolata de vi. Por ĉi tiu parto de la laboro ni bezonas konfidindajn „Perantojn“. Do, estos la plej mallonga kaj plej taŭga vojo, se vi tuj anoncas vin rekte al la sekretariino de „Kunlaborado“ (adreso: f-ino Martha Moelke en Sommerfeld, Nieder-Lausitz, Germanujo).

Por ĉiuj kritikoj kaj sugestoj ŝi kaj mi ĉiam estos tre dankaj.

---

# La Ekzameno-sistemo en Anglujo.

H. Stay.

La tuta demando pri la valoro kaj la utilo de la ekzamena sistemo en Anglio estas nun objekto de oficialaj enketoj, publikaj debatoj, kaj ĉiuflanka disputado.

La nuna sistemo de ekzamenoj por geknaboj en superaj lernejoj evoluis el plano de skribaj ekzamenoj kiun ellaboris la Universitatoj kiuj entreprenis la taskon ankaŭ ekzameni per la sama metodo la akiritaĵojn de geknaboj en superaj lernejoj.

Eksteraj ekzamenoj en superaj lernejoj datas de la mezo de la pasinta jarcento, kiam la lokaj ekzamenoj, de la Universitatoj Oxford kaj Cambridge komenciĝis. Poste sekvis aliaj ekzamenaj aŭtoritatoj, speciale la Universitato de Londono, ĉiu kun sia propra enregistra ekzameno, kiu siavice havis sian influon sur la lernejoj.

Komence de la nuna jarcento, oni rekonis ke la situacio estas ne tolerebla. Knabo eble devus partopreni tri aŭ kvar malsamajn ekzamenojn, preskaŭ samtempe, por certigi sian karieron. La ministerio de Edukado difinis superan lernejan ekzamenan Konsilantaron (Secondary school Examination Council) por ke ĝi kunordigu la diversajn lernejajn Atestaĵajn Ekzamenojn (School Certificate Examinations) kaj intertraktu kun diversaj profesiaj korporacioj, tiel ke tiuj-ĉi akceptu (rekonu) Lernejajn atestaĵojn anstataŭ siaj propraj Preparaj Ekzamenaj Atestaĵoj. La Konsilantaro konsistis el 19 membroj, kaj enhavas reprezentantojn de la ok rekonitaj (oficialaj) ekzamenaj korporacioj, de la Instruistoj, de la Asocio de Lokaj Edukaj Aŭtoritatoj, k. c

La lerneja Atestaĵa ekzameno servas al du ĉefaj celoj. Ĝi testas (kontrolas) la scion de geknaboj kiuj vizitadis superan lernejon ĝis ĉirkaŭ la 16-a vivjaro. De tiu ĉi vidpunkto ĝi estas definitive lerneja ekzameno. Sed, due, Lerneja Atestaĵo, sub difinitaj kondiĉoj, rajtigas la posedanton eniri Universitaton. La ekzameno tiumaniere servas al la bezonoj de geknaboj kiuj intencas sekvi Universitatan kursaron.

Lasttempe diversaj eminentaj edukistoj faris fortajn atakojn kontraŭ tiu ĉi sistemo de ekzamenoj por gelernantoj en superaj lernejoj.

En sia parolado antaŭ la Edukada Sekcio de la Brita Asocio por la Progresigo de la Scienco, pasintan septembron, D-ro Cyril Norwood, prezidanto de la sekcio, ĉefinstruisto de la „publika“ Lernejo ĉe Harrow, kaj ankaŭ prezidanto de la ĵus citita S. B. ekzamena Konsilantaro, iniciatis diskutadon pri ekzamenoj, kaj ekliberigis torenton de polemiko kaj sugestoj.

De post 1904 la nombro de gelernantoj en la superaj lernejoj kreskis de 97.000 ĝis 400.000, kaj la kandidatoj ĉe la lerneja Atestaĵa Ekzameno kvarobliĝis.

En jaro 1918 la Edukada Ministerio faris dekreton, ke ĉiuj lernejoj superaj, kiuj ricevas ŝtatan subvencion devas kandidatigi ĉiujn klasojn de gelernantoj meze 16-jaraĝaj ĉe ekzameno flanke de ekstera aŭtoritato.

La rezulto de la enverŝo de ĉio tio ĉi en unuspecan matricon produktis malrapide kreskantan torenton de protesto:

a) ke ekzistas multe da trostreĉiĝo ĉe la lernantaro, speciale ĉe la knabinoj;

b) ke la ekzameno malhelpas la liberecon de la instruisto;

c) ke por multaj knaboj kaj por eĉ pli multaj knabinoj, la nuna lernprogramo estas netaŭga, ĉar nur malplimulto pluiras al Universitato.

La sistemo estas tiel kompleta kaj tiel universala, ke la viktimo, por tiel diri, eble neniam elirus el la ombro de ekzamenoj inter la 11-a kaj la 13-a vivjaro, aŭ eĉ pli poste.

Tri argumentoj, kiujn oni prezentas kontraŭ la sistemo estas:

a) ke la studento ricevas la vidpunkton ke lia celo ne estas studadi, sed akiri kapablecon respondi surpapere demandojn;

b) ke ĝi detruas la liberecon de la instruisto, ĉar li devas instrui, ne laŭ la plej bona maniero, sed laŭ tiu, kiu pleje profitos ĉe la ekzameno;

c) ke ĝi ne estas sukcesplena, ĉar ĝi elektas tiujn, kiuj havas ekzamenan kapablon, kaj ne tiujn kiuj pleje progresos en sia studado.

En la fruaj jaroj, ekzamenoj malakrigas la deziron por vera scio, kaj dum tuta lerneja vivo estas multaj kiuj tute ne kapablas indiki sur papero tion, kion ili havas en la kapo;ili ne estas stultuloj, kvankam oni juĝas ilin tiaj, sed ili estas malbonaj ekzamenatoj. Plie, en ĉia ekzamena sistemo, kiu estas pli malpli universala, oni devas ne forgesi la malspiritajn kaj malrapide disvolviĝantajn lernantojn, kiuj multe suferas kiam oni plenŝtopigas ilin, kaj devigas ilin atingi ne naturan nivelon.

Eble la grandeco kaj komplikeco de la ekzamena sistemo finfine disrompos ĝin, — hodiaŭ 55 000 kandidatoj ĉiujare ĉe la Lerneja Atestaĵa Ekzameno, eble 100 000 post 20 jaroj!

Ekzistas lernejoj kie la lernantoj legas neniajn aŭtorojn sed nur respondas ekzamenajn demandarojn; legas nenian historion, sed parkeras respondojn pri nomoj, kaj same pritraktas literaturon kaj geografion. Tia nedefendebla sistemo estas tute foriginda, kaj „devus esti eduka aksiomo, ke neniu lernanto malpli ol 15-jara devus ekzameniĝi, krom per siaj propraj instruistoj“.

Se iu dubas pri tiu ĉi aserto, li provtaksu la pliboniĝon kiu okazis ĉe elementa edukado en tiu ĉi lando de post la forigo de la sistemo „pago laŭ rezultoj“ (sistemo laŭ kiu ŝtataj subvencioj al edukaj aŭtoritatoj, kaj salajroj de instruistaro dependis de rezultoj ĉe ekzamenoj) post inspektora ekzameno.

„Kiaj ajn estu la reformoj de administrado, kiaj ajn la ŝanĝoj en la lernprogramo, kiom ajn pliigo de elspezo estu konsentota, la fina vorto restas ĉe la instruistaro, kaj ĉio dependas de la spirito kiu inspiras ilin kaj de la idealoj, kiuj movas ilin.“.

La rezulto de tiu ĉi rigida sistemo estas senkuraĝigi kaj malkontentigi kaj la instruistaron kaj la gelernantaron, kaj la ekzamena sistemo bezonas modifon, en la nuna sociordo, eĉ laŭ direkto, kiun D-ro Norwood ne aprobas. Oni devas ne forgesi, ke dum ekzamenoj estas la ŝlosilo al la Universitatoj kaj la profesioj, la rajto partopreni tiujn ĉi ekzamenojn devas esti gardata, tiel ke eniro al la Universitatoj kaj profesioj estu kiel eble plej libera, kaj ne la prerogativo de iu aparta klaso.

Fine de malnova kaj komence de nova jaro, ĉiam okazas multaj konferencoj de edukistoj, instruistoj kaj administrantoj, kaj tiun ĉi jaron, la plimulto pritraktis la demandon pri ekzamenoj.

La plej grava atako farita kontraŭ la ekzamena sistemo estas tiu de Sir Michael Sadler, Estro de Universitata Kolegio, Oxford. Li faris sian paroladon antaŭ la angla lingva Sekcio de la „New Educations Fellowship“, kaj oni ekscias, ke tiu organizaĵo intencas fari internacian enketon pri la tuta demando. Interalie li diris: „En Anglio ekzamenoj havas tro profundajn radikojn por ke estu eble forigi ilin krom post revolucio. Ili estas tro konvenaj por esti tute senigataj. Niaj ekzamenoj estas mone tro profitdonaj, ne iel skandale profitdonaj, sed sufiĉe profitaj por ekzamenantoj, por esti senigotaj sen kontraŭstaro.“

Multaj argumentas, ke ekzamenoj testas (kontrolas) karakteron de la kandidatoj, ĉar sukcesontoj devas posedi necesajn sindetenon, persistemon, kaj diligentemon, por ne malatenti sian studadon por plezuro ktp. Sed la elementoj de karaktero ne limiĝas je tiuj necesaj por sukcesi je ekzamenoj. Ekzamenoj liveras nenian rektan ateston pri tiaj kvalitoj, kiaj estas honesteco, veremo, aŭ povo gvidi homojn.

Sir Michael Sadler proponas, ke la registaro aŭ riĉa korporacio difinu komisaron, kiu enketu dum kelkaj jaroj pri la funkciado de la ekzamena sistemo. La kosto de tia enketo estus proksimume 18.000 sterl. funtoj po jaro.

Tial ke la kosto de la ekzamena sistemo en Anglio estas almenaŭ 1½ milionoj da sterl. funtoj ĉiujare, la sumo kiun li proponas elspezi por scienca observado de la funkciado de tiu ĉi vasta sistemo estas modesta.

Ŝtata Elementa Lernejo.

Turnante nin al la ŝtataj elementaj lernejoj ni konstatas la jenon. En Decembro 1926, la Konsila Komitato de la Eduka Ministerio, ĉe kiu prezidas Sir W. H. Hadow, publikigis sian raporton „La Edukado de la Adoleskulo“ (The Education of the Adolescent), kiu enhavas zorgan kritikon de post-unuagrada (post-elementa) edukado en Anglio kaj Kimrio, kaj faras sugestojn por ties radika reorganizo kaj plibonigo. Tiu Komitato indikas ke la efektivigenda celo de ĉia klopodo estas ĝenerala sistemo de supera (duagrada) edukado, diversaj laŭ tipo, por ĉiuj gelernantoj havantaj pli ol 11 jarojn. Jam kelkaj progresemaj lokaj Edukaj Aŭtoritatoj plenumis la reorganizan laboron, iuj prikonsideras ĝin, aliaj faris ĝis nun absolute nenion.

Laŭleĝe ĉiu angla infano devas ricevi elementan edukon ĝis la 14-a vivjaro, kaj kutime tiuj infanoj, kiuj ne sukcesis je ekzameno kiu rajtigas pluiri al supera lernejo, restadis ĉe la ŝtata elementa lernejo ĝis kiam ili atingis tiun 14-an jaron, kaj kelkaj eĉ daŭre vizitadas la lernejon ĝis la 15-a jaro. Sed dum lastaj kelkaj jaroj en iuj distriktoj stariĝis tiel nomataj Centralaj Lernejoj (Central Schools), kiuj akceptas la pli kapablajn pli aĝajn infanojn, kiuj restis ĉe la elementa lernejo post la ekzameno por supera lernejo. Nun la reorganizaj proponoj signifas, ke infanoj pli ol 11-jaraj devos lokiĝi en apartaj lernejoj de tiuj por la pli junaj. Nova distribuo de la lernantaro en la nunaj lernejoj kaj novaj lernkonstruaĵoj estos necesaj por efektivigi tion.

Nun ni konsideru tiujn ĉi Centralajn kaj Ordinarajn Elementajn Lernejojn kaj la ekzamenajn sistemojn.

En la superaj lernejoj, sed ne en la Centralaj Lernejoj, ekzameno flanke de ekstera aŭtoritato signas la finiĝon de 4-jara kursaro. La studo-plano, kaj la metodo laŭ kiu ĝi estas pritraktata, estas vaste determinataj de la postuloj de tiu ĉi ekzameno. El ĉiuj gelernantoj, kiuj partoprenas tiun ĉi ekzamenon en la superaj lernejoj t. e. nur 54% el la tuta lernantaro en tiuj lernejoj, nur 37% sukcesas. Tiu ĉi fakto klare montras ke la ekzameno ne estas kontentiga testo (kontrolilo) de la normala laboro de la supera lernejo. Ĉiuflanke aŭdiĝas postulo, ke la ekzameno estu pli simpligata kaj ke en ĝi estu kelkaj specifaj studobjektoj. Por kompleta liberigo de la devigo kandidatigi lernantaron, la superaj lernejoj liberiĝus de postuloj kiuj produktas:

a) Lernejojn multe tro similajn laŭ speco;

b) Ne dezirindan unuformecon de studoplano.

c) Ne dezirindan unuformecon de instrumetodoj.

Ĉe la Centralaj Lernejoj ne ekzistas ia devigo ke la lernantaro partoprenu eksteran ekzamenon, kaj tio liveris al la instruistaro oportunan okazon aranĝi diversajn kaj taŭgajn kursojn. La rezulto estas libereco kaj efikeco de la instruado, kiu ne estas ĉiam atingataj en la superaj lernejoj.

Ni konstatas tie ĉi, do, elstaran diferencon inter la superaj lernejoj kaj la Centralaj, kaj ke tiu ĉi ekzamena sistemo estas baro kiu malhelpas ke ambaŭ lernejoj estu konsiderataj en unu sama kategorio.

La Nacia Unuiĝo de Geinstruistoj (National Union of Teachers) kiu havas pli ol 128 000 membrojn, precipe el elementaj lernejoj, proponas ke la superaj lernejoj estu liberigotaj de la devigo kandidatigi tutajn klasojn ĉe la Lerneja Atestaĵa Ekzameno, kredante ke eĉ en la superaj lernejoj, la edukado devus esti direktata plejeble laŭ la bezonoj individuaj de la lernantoj.

Lastatempe faktoro kiu havis konsiderindan influon sur la laboro de la elementa lernejo estas, ke en kelkaj regionoj ĉiuj lernantoj kun pli ol 11 jaroj devas partopreni eksteran ekzamenon skriban je angla lingvo kaj aritmetiko. Okaze de la enkonduko de tiu ĉi novaĵo oni klare asertis ke, la celo estas testi maturan kapablecon kaj ne por testi akiritaĵon, kaj oficiale deklaris ke, nur se oni bone memorus tiun ĉi celon estus evitataj la danĝeroj de tiu ekzameno.

Nu, en la praktiko montriĝis neeble elescepti konsideradon de la akiritaĵo en tiu ĉi du objektoj. Tio ĉi, en kelkaj regionoj, finkondukis al forgeso de la fakto, ke la devo de la lernejo estas plene prepari la lernantaron por la vivo, kaj al troa insisto je kelkaj instru-objektoj. La kvalito de la lernejoj kaj la laboro de la instruistoj estas juĝataj de kelkaj administrantoj kaj de la publiko per sukcesoj de ekzamenoj.

Tamen, verŝajne, tiu ĉi metodo estos uzata por analizi la pretendojn de tiuj gelernantoj, kiuj volas esti enkalkulataj inter la 25% kiuj estas permesataj partopreni la relative akademiajn de la elektivaj lernejoj (superaj kaj centralaj lernejoj).

Nun la sama metodo estas proponata por elekti la infanojn por la novaj lernejoj por infanoj pli ol 11-jaraj sub la nova reorgniza plano, kvankam la problemo estas fundamente malsama. La Konsila Komitato rekomendis jene:

„Dum ni opinias ke ĉiuj infanoj devus eniri iaspecan post-elementan lernejon je la aĝo de 11 jaroj, estos necese eltrovi la tipon plej konvenan laŭ la kapabloj kaj interesoj de ĉiu infano. Por tiu ĉi celo, skriba ekzameno devus esti okazigata, kaj ankaŭ, kiam eble, buŝa ekzameno. Skriba psikologia testo povus esti ankaŭ uzata speciale kiam oni pritraktas infanojn, kiuj apenaŭ sukcesis aŭ nur per malmultaj

poentoj sukcesis je la alia ekzameno, aŭ kiam montriĝas diferenco inter la rezulto de la skriba ekzameno kaj la opinio de la instruisto pri la kapableco de iu infano."

La Nacia Unuiĝo de Geinstruistoj ne konsentas kun tio ĉi,

a) ĉar tia ekzameno ne povas konduki al ĝusta elekto de infanoj laŭ iliaj diversaj interesoj kaj kapabloj;

b) ĉar tia ekzameno estus necesa se ĝenerala transiro de lernantoj al post-elementa edukado estas vere la intenco. La kapabloj de infanoj estas diversaj kaj laŭ speco kaj laŭ grado, kaj la problemo taksi ilin estas samgrade malsimpla. Metodo, kiu utilas por determini akademiajn kapablojn, malsukcesos kiam aliaj ne malpli gravaj talentoj estas la afero. La rimedoj uzotaj ankaŭ dependos de la nombro kaj speco de la post-elementaj kursoj starigotaj kaj estas tre malverŝajne, ke ununura metodo estos egale taŭga en ĉiuj regionoj.

La demando pri ekzamenoj kaj ilia rolo en la elementa lerneja sistemo estas nun objekto de speciala enketo flanke de reprezentantoj de la Asocio de Lokaj Edukaj Aŭtoritatoj kaj de la Nacia Unuiĝo de Geinstruistoj. Estas neeble antaŭdiri kio estos la decidoj de tiu fundamente grava enketo, sed la Ekzekutiva Komitato de la Unuiĝo supozas, ke ambaŭ partioj konsentos, ke ekzamenoj aŭ iaj aliaj rimedoj uzotaj en aŭ rilate al la elementa lernejo devus servi al la unuavica celo de tiu lernejo kiu esprimiĝas jene en la aktuala eldono de la oficiala „Sugestoj por Geinstruistoj" (Handbook of Suggestions por Teachers): „Ebligi al la infanoj atingi sian plenan disvolviĝon, kiel individuoj — fariĝi honestaj kaj utilaj membroj de la komunumo, en kiu ili loĝadas kaj indaj gefiloj de la lando al kiu ili apartenas". (El TEPS.)

---

# Instruplano — ekzameno — privilegio.

(Psikologia kaj sociologia rigardo)

D-ro Kurt Riedel.

En Anglujo oni debatas hodiaŭ fervore la lernejan ekzamenaron. La angla sekcio de la Internacia Laborrondo por Nova Edukado iniciatis, ke tiu problemo estu priparolata en la Helsingör-konferenco. Unue naciaj komitatoj estas kunvenigataj, kiuj esploradu detale la aferon dum la sekvanta jaro. Eble kelkaj kunvenoj okazos sur la publika forumo en Danlando, en kiuj pedagogoj de diversaj landoj priparolos la staton de la ekzamenado. La naciaj komitatoj raportos sian laboron al la angla sekcio kaj proponos reformojn. La raportoj kaj proponoj estos publikigataj.

IPR sciigos laŭeble al sia legantaro la nomojn de la komitatanoj, por ke ĉiu povos kunlabori, kiu povas doni materialon. La multlingveco tre komplikos la esploradon; la malsimilaj esprimoj por la lernejformoj kaŭzas gravajn miskomprenojn. Ni bezonas bone aranĝitan tabelaron, kiu enhavu la lernejsistemojn de ĉiuj landoj en la nacilingvaj kaj Esperantaj esprimoj. Ekzemplo montru, kiamaniere tio povus esti farata.

Laŭ la Hadow-Report (Hadow-Raporto) la angla lernejsistemo estas organizota jene:

| viva aĝo | lernjaro | aro de la lernejo | | | | ŝtupo de la lernejsistemo |
|---|---|---|---|---|---|---|
| 17-a<br>16-a | XII<br>XI | professional schools<br>profesiaj lernejoj | | | grammar schools<br><br>gimnazio | secondary education<br><br>mezgradaj lernejoj |
| 15-a<br>14-a<br>13-a<br>12-a | X<br>IX<br>VIII<br>VII | junior technical schools<br>subaj specialaj lernejoj | modern schools (non selective)<br>modernaj lernejoj (ne elektantaj) | modern schools (selective)<br>modernaj lernejoj (elektantaj) | | |
| 11-a<br>10-a<br>9-a<br>8-a<br>7-a<br>6-a | VI<br>V<br>IV<br>III<br>II<br>I | primar schools<br>unuagradaj lernejoj | Ekzistas transireblecoj de modern schools (non select.) al modern schools (select.) kaj de tiuj lastaj al grammar schools. | | | primary education<br><br>unuagradaj lernejoj |

Al la sistemo de la lerneja organizaĵo respondas la instruprogramo, al la instruprogramo respondas oficialaj ekzamenoj, al la oficiala ekzamenaro respondas certaj sociaj privilegioj, kiuj dependas de la ekzamena rezulto. La konformeco inter instruprogramo kaj ekzameno devas esti rigardata psikologie, la konformeco inter ekzameno kaj socia privilegio sociologie.

La objektoj de instruplano estas la temoj de ekzameno. Kiujn objektojn iu instruplano enhavu, tion nek la „malnova" nek la „nova" psikologio povas diri al la pedagogoj, kiam la pedagogio ne jam diris al ili tion. Eble la psikologio ja ne estas scienca fako, sed nur scienca metodo!

La unuopaj objektoj de instruprogramo povas facile esti interŝanĝataj, kiam la evoluo de cirkonstancoj postulas tion. Rilate al la ekzamenmaniero la afero estas alia: la ekzamenado konformas kun la pedagogia metodo, kiun praktikas la instruistaro de iu lando. Nova ekzamenmaniero ne enradikiĝos sen nova pedagogia praktiko. Ne estas malgrava afero, kiam tuta instruistaro ŝanĝas sian metodon, kiun ĝi eklernis dum la porprofesia preparado. Ĉe tia ŝanĝado la psikologio povas helpi instruiston; ĝi montras al li certajn ŝanĝendajn detalaĵojn en teoria interligo. Per tio li ricevas kelkan novan direktivon.

Ankaŭ la kutima ekzamenmaniero povas ŝajni problema en nova psikologia lumo. La instrua principo de aktiveco ne estas akordigebla kun la tradicia demandaĵo skriba aŭ buŝa, konsiderate el vidpunkto de la nuna psikologio. El tiu malakordo kelkfoje multfruktaj duboj ekvenas; tiel angla pedagogia gazeto demandas: „Ĉu ni estas pravaj, ekzameni ĉiajn perfektecojn unu post alia? Ĉu ne estas eble, ke nia nuna metodo, ekzameni aĵon post aĵo, adicii la rezultojn kaj nomi tutaĵo tian amasiĝon, povas esti malĝusta absolute? Ĉe kelka el niaj lernejekzamenoj okazas ĉiun jaron, ke gelernantoj distingiĝas en unu aŭ pluraj fakoj kaj tamen malsukcesas en la tuta ekzameno. Ĉu ni estas pravaj, fari fiaskantoj tiujn gelernantojn?"

La lastajn jardekojn la kompleksa psikologio anstataŭis la elemento-psikologion. Per tio la scienca bazo de la tradicia ekzamenmaniero estas tute detruita. La malnova formo de ekzamenado estas hodiaŭ anakronismo el scienca vidpunkto.

Ke sociaj privilegioj ankoraŭ dependas de sukceso en anakronisma ekzameno, tio estas afero, kiu devas esti rigardata sociologie. En tiu ĉi punkto internacia esplorado

estas tre necesa, ĉar oni ekkonos nur per komparo inter la privilegisistemoj la movantajn fortojn en tiu sfero. IPR helpos volonte tiun esploradon. Ni bezonas unue raportojn pri la stato en la unuopaj landoj. En Germanujo la situacio estas jena:

Escepte de politikistoj kaj artistoj ĉiu, kiu estos akiranta sian panon ne per korpa laborado, devas surgrimpi almenaŭ la unuajn ŝtupojn de la privilegiŝtuparo. Apud la unua ŝtupo ekzameno apartigas la dekjarajn infanojn: la pli malgranda parto (ĉirkaŭ 20—25%) ricevas per tio la privilegion, lernadi en mezgrada lernejo; la partego (ĉirkaŭ 75—80 %) ricevas la malprivilegion, devi restadi en la unuagrada lernejo. La privilegio de la unu parto postulas la malprivilegion de la alia. Apud la dua ŝtupo de la privilegisistemo la geknaboj havantaj dekses jarojn, kiuj vizitadis mezgradan lernejon, estas apartigataj denove; laŭ tio, ĉu la gelernantoj lernis dum la ses jaroj devige unu aŭ du fremdlingvojn, ili havas la malpli gravan privilegion, eklerni „mezan" profesion, aŭ la pli gravan privilegion, plu vizitadi la superajn klasojn de mezgrada lernejo. Post tri jaroj la laste nomitaj gelernantoj akiras per la abiturienta ekzameno la ateston de la poruniversitata matureco. Tio estas la tria ŝtupo. Hodiaŭ ĉirkaŭ 2—3% de la germana junularo ricevas tiun tre gravan privilegion.

La kvara ŝtupo de nia privilegisistemo estas, supreniri en la finan ekzamenon de altlerneja studado; la kandidatoj havas la rajton, eniri en la praktikan juristan, medicinistan, instruistan aŭ klerikan preparoservadon. „Granda ŝtatekzameno" finas la preparoservadon kaj estas la kvina ŝtupo de la sistemo; tie ĉi la rajto al ofico estas akirata. Pluaj rajtigoj dependas ne de ekzamenoj, sed de distingiĝanta taŭgeco aŭ de favoro.

Oni plendas ĉiuflanke pri la germana privilegisistemo, sed turnas la rigardon plej ofte nur al la dua kaj tria ŝtupoj. Neniu volas forigi serioze la kvaran kaj kvinan ŝtupojn; tiuj ĉi ŝajnas socie necesaj same kiel la metiistaj elprovoj.

Oni kolerigas sin precipe pro la sensencaĵo, ke la ateston de la poruniversitata matureco devas havi junaj homoj, kiuj kiel komercistaj salajruloj aŭ mezaj oficistoj perlaboros sian panon; ankoraŭ antaŭ kelkaj jaroj atesto de matureco por „meza" profesio sufiĉis ĉi-kaze. Gelernantoj, gepatroj, la instruistaro, kuracistoj kondamnas nian privilegisistemon. Kerschensteiner malbenas la „privilegimanion". Sed la prusa lernejministro mem devis konfesi, ke liaj klopodoj estis sensukcesaj en la batalo kontraŭ la privilegimaniero.

La plej multaj homoj vidas nur detalaĵojn de la afero, sed ne la kunteniĝon. La batalo pro perekzamenaj privilegioj estas batalo inter klasoj de la socio. Komence de la 20-a jarcento la kvoto de la grandburĝaro estis 4—5% rilate al la tuta enloĝantaro, la kvoto de la meza klaso proksimume 25%, la kvoto de la proletario 70%. Kun tio la klasifiko de la lernejoj konformis. La superaj klasoj de niaj duagradaj lernejoj akceptadis la viran duonon de la grandburĝa junularo, ĉirkaŭ 2% de la tuta junularo en Germanlando. La socia meza klaso ebligis al siaj filoj, pli malfrue ankaŭ al siaj filinoj, la lernejan vizitadon ĝis la deksesa jaro. La idaro de la grandamaso iradis de la sesa ĝis la dekkvara jaro en la popollernejon.

Antaŭ la revolucio vizitadis duagradan lernejon preskaŭ nur tiuj infanoj, kiuj estis prudentaj ĉe la elekto de siaj gepatroj: la tuta lerneja afero estis pli heredita prerogativo ol perekzamena privilegio. La aligrupiĝo de la socio okazas post la monda-milito pli rapide ol antaŭe. Ankoraŭ la burĝa socio montras la firman ordon laŭ 1:5:15, en la jaro 1925 75% de la profesiistoj laboradis korpe, 20% subestris ties laboron, 5% kiel entreprenistoj aŭ superaj oficistoj estris la tutaĵon. Tamen la aligrupiĝo postulas hodiaŭ pli ol hieraŭ spiritan forton de anoj de la meza klaso.

Por la socio estas tre oportuna vojo, ke ĝi povas transigi al la lernejo la novan elektadon de siaj funkciuloj. La socio ŝarĝas per tio fatale la lernejon: pedagogoj ekkonas tion. Gepatroj vidas por siaj gefiloj nenian alian vojon ol tiun lernejon, kiun la burĝaro kreadis en la 19-a jarcento laŭ sia bezono. Kiu mem rigardas neprogresinta tiun ĉi lernejon, tiu tamen estas deviga, irigi tien siajn gefilojn.

Se infano taŭgas por tiu lernejformo, oni nomas ĝin inteligenta. Pedagogoj kaj psikologoj klopodis, fiksi la inteligentecon kiel mezureblan kapablon. Ĉu la lernej-inteligenteco estas karakterizaĵo kiel longo kaj koloro? Ne! Ĝi ne estas karakterizaĵo, sed rilato, rilato inter fortoj de infano kaj tiuj talentoj, kiujn la estranta socio precipe estimas. La infanoj de tiu ĉi klaso havas memkompreneble en la konkuro bonŝancon. Sperto montras, ke ĝusta kaj justa elektado inter geknaboj estas des pli malfacila, ju pli junaj ili estas.

Estus stranga socia harmonio en la burĝa mondo, se tiuj psikologoj estus pravaj, laŭ kies kalkulo 2—3% de la junularo havas riĉan inteligentecon, ĉirkaŭ 20% mezan, la resto malriĉan. Do, perekzamenaj privilegioj de infanoj estas maljustaj ĉiukaze. Pro tio ĉiuj proponoj pri ŝanĝo de la privilegisistemo devas esti rigardataj el sociologia vidpunkto.

En Germanlando oni faras kvin tiajn proponojn:

1. Kelkaj pedagogoj rifuzas tute la privilegiaron. Tio estas tre radikala kaj neebla.
2. Aliaj rekomendas pli rigoran elekton. Tio estas plej reakcia.
3. Organizemaj viroj projektas psikologian kapablorangvicon de ĉiuj germanaj infanoj kaj politikekonomian liston de la bezono je diversgradaj inteligentuloj. Tio estas tro sciencula.
4. Kelkaj lernejpolitikuloj deziras disvastigon de la privilegiaro al certaj porprofesiaj lernejoj specialaj. Tio estas tre modesta.
5. Ĉu oni ne precipe devus forigi la plej suban ŝtupon de la privilegisistemo, ĉar ĝi estas pedagogie-psikologie malĝusta kaj sociale maljusta?

(Redakcia noto: Kiu volas pritrakti la situacion en aliaj landoj?)

# Kongreso en Helsingör.

**Mondligo por Nova Edukado.**

La redaktoro de »Pour l'Ere Nouvelle«, franclingva organo de la Mondligo, Prof. D-ro Ferrière-Ĝenevo, skribas en letero al Prof. D-ro Dietterle: „Mia amiko, s-ro Pierre Bovet informas min, ke vi klopodas trovi tradukontojn por la V-a Internacia Kongreso pri Nova Edukado, kiu okazos en Helsingör de la 8-a ĝis 21-a de proksima aŭgusto. Ĉu vi korespondas pri tio kun Miss Clara Soper, ĝenerala sekretariino de la »New Education Fellowship«, 11 Tavistock Square, London W. C. 1? Mi opinias ke ŝi skribis al la esperantista komitato de Köbenhavn por scii, ĉu oni povos trovi bonvolajn tradukantojn, por doni al la kongresanoj resumojn de la kongresaj paroladoj okazontaj en lingvoj dana, angla, germana, sveda kaj franca.

Mi ne pensas, ke la N. E. F. povos pagi tiujn tradukontojn, sed **pro la graveco de tiuj tradukoj rilate al la propagando por Esperanto** kaj al ĝia disvastigo en la mondon, mi estas konvinkita, ke troviĝos volontaj tradukantoj.

Mi estus ĝoja, se vi mem, la danaj kaj germanaj esperantistaj komitatoj kaj Miss Soper povus interkonsenti por trovi tiajn virojn aŭ virinojn, **por ke la Kongreso en Helsingör estu bela manifestado por Esperanto.**

Mi legas en IPR de januaro 1929 la anoncon de tiu kongreso. Estus utile mencii ankaŭ, ke estos tradukoj el ĉiuj kongresaj lingvoj en Esperanton.“

En letero al la ĝenerala sekretariino de la N. E. F., s-ino Clara Soper, ni skribis: „Ni ne scias, kiun respondon vi ricevis el Kopenhago. Sed ni ĝentile atentigas vin, ke TAGE deziras helpi al vi en tiuĵ tradukaj laboroj. Se vi povas diri al ni, ke tiuj tradukoj el nacilingvoj en Esperanton estas dezirataj por Helsingör, ni kredas, ke TAGE nepre povos zorgi por tradukantoj, kvankam ni samtempe kunlaboros kun Prof. P. Bovet dum la kongreso de la Mondfederacio de Edukasocioj en Ĝenevo.“

Sinjorino Soper respondis: „Multan dankon por via letero koncernanta Esperanto-tradukojn en nia Konferenco en Helsingör.

Ni havos du prelegojn samtempajn ĉiun matenon (unu prelego ekz. en angla lingvo, la alia en franca). Tiuj prelegoj estos tre gravaj, se tradukoj estas antaŭvidataj. Dum la posta parto de la antaŭtagmezo kaj dum la unua parto de la vespero, diversaj grupoj laboros, sed mi imagas, ke ni ne havos tempon por tradukoj en tiuj grupoj, kvankam pli poste, se ni aranĝos pli detale la programon, ni eble trovos, ke **Esperanto povus esti utila** en kelkaj el tiuj grupoj **same kiel en la ĉefprelegoj.**

Mi notas, ke vi ŝatus havi antaŭe resumojn de la prelegoj.“

Prof. D-ro Ferrière respondas al nia letero: „Mi sciigas vin, ke en Helsingör okazos esperantaj tradukoj plejeble el ĉiuj naciaj lingvoj akceptitaj de la kongresoj, t.e. kondiĉe ke ni trovu sufiĉe da libervolaj tradukantoj kaj ke sufiĉa nombro da esperantistoj deziru tiajn tradukojn. Mi ĝojas kaj dankas pri la proponita helpo de TAGE.“

Post tiuj tre favoraj informoj la TAGE-Laborkomitato decidis, krom la kongreso en Ĝenevo, ankaŭ partopreni tiun de Helsingör.

Ni plene konsentas la opinion de D-ro Ferrière pri la graveco de la Kongreso por Esperanto. Ni ankoraŭfoje dankas al Internacia Centra Komitato, kiu jam alvokis la Esperanto-instruistojn, partopreni la kongreson en Ĝenevo, rezignante ilian partoprenon en Budapest! Nun ICK bonvolu ankaŭ atentigi la Esperanto-instruistojn pri la pedagogia mondkongreso en Helsingör. La saman ni petas de SAT!

La unuajn informojn pri la kongreso vi trovas en n-ro 1, IPR. La kotizo estas 42 angl. ŝil., t. e. 42 germ. mk. La pensiono kostos 4 ŝil. sen manĝoj, 8 ŝil. kun manĝoj potage.

Oficialan programon petu de Miss Soper-London, D-ro Ferrière, Chemin Peschier 10, Champel — Ĝenevo, aŭ Sinjorino D-ro Rotten, Kohlgraben b. Vacha-Rhön. Pri via partopreno tuj informu la sekretarion de TAGE: M. Goldberg, Oetsch b. Leipzig, Im Lumbsch.

---

# Raportoj.

## El Saksujo.

En la oficiala ĉefkunveno de la instruistaro, kiu apartenas al la dua Dresden'a inspekta distrikto, la prezidanto, supera lernejkonsilisto samideano D-ro Kraner, parolis pri edukado en la senco de l' internacia pacigo kiel etika tasko; la prezidanto de la Esperanto-Asocio de Germanaj Instruistoj, kolego Hermann Schneller (Leipzig), priparolis la temon: historio-instruado kaj internacia pacigo, kaj la prezidanto de la Esperanto-Asocio de Saksaj Instruistoj, k-o Walther Hahn (Dresden), la temon: Internaciaj gelernanta korespondado kaj pacigo.

*

Antaŭ la delegitoj de la Saksa Geinstruista Unuiĝo, samideano k-o Kurt Haubold (Riesa) la 25-an de Marto en Pirna priparolis la temon: Sinadministro de lernejo, la postan tagon nia redaktoro la temon: Plivastigo de la devigo al lernejo.

La delegita kongreso akceptis interalie jenajn rezoluciojn:

I. La delegita kongreso postulas: Grandparte la decido pri la lernejadministraj aferoj estu cedata al la distriktaj lernejofico kaj la lernejoinspektoro, precipe rilate al nova aranĝo de klasoj kaj al bezono de lecionhoroj. La kolegaraj administraj korporacioj, nome la nunaj geinstruistaj komitato kaj konsilantaro podistriktaj, devas ricevi la decidrajton por tio, kiel por ĉiuj taskoj de ilia agokampo. Estu organizata tutlanda instruist-konsilantaro kiel la supro de la ofica reprezento instruistara.

II. La delegita kongreso postulas denove unuecan lernejsistemon. Ĉe la realigo de tiu ĉi ideo povas esti ĉefa afero ne plu nur la supreniro de la „talentuloj" en demokrata ŝtato la vojo de sinformado (klerigo) devas esti plivastigata por la tuta junularo. La kongreso de la Saksa Geinstruista Unuiĝo postulas pro tio plivastigon de la devigo al lernejo en la naŭa kaj deka lernjaroj (t. e. por junularo en la 15-a kaj 16-a jaroj).

**Parto el la referato pri »La disvastigo de la devigo al lernejo«.**

„La komuna mezagrada lernejo (por la geknaboj de la 5-a ĝis 10-a lernjaro) estas organizota kiel la ŝtupo de la diferenciga instruado. Oni povos solvi la malfacilan problemon, disigante komunfakojn kaj kursojn, aŭ apartigante diversspecajn klasojn kun transirebloj, aŭ ligante ambaŭ vojojn.

La pli gravan malfacilon kaŭzas la fremdlingva instruado. Ĉu ni venos al unueca lernejsistemo, tiu afero dependas de tio, kiel ni venkos tiun malfacilaĵon.

Kiu konas la lernejhistorion kaj la socian gravecon de lingva lerteco, tiu ne povas simple proponi, ke la nova lernejo anstataŭu la lingvan kulturon per alispecaj valoraĵoj. La supera socioparto ne sen kialo prizorgas ĉiam kaj ĉie la lingvan lertigon de sia idaro. La lingvo estas granda potenco en la socia vivo. Ĝia kulturado en la lernejo estas same grava por la tuta junularo kiel la ekzercado de l' mano. Ĉiuj geknaboj havas rajton, sin perfektigi plej eble bone en la gepatra lingvo.

La lernejhistorio diras tro laŭte kaj klare, ke la perfektigo en la gepatra lingvo estas tre progresinta per la lernado de alia lingvo. Ni kiel pedagogoj ne volas postuli de ĉiuj junaj homoj, eklerni nacian fremdlingvon; ĉar la sukceso, kiun oni atingas per tio en niaj duagradaj lernejoj, ne pravigas nin, oferi gravajn jarojn por celo, kiun nur tre malmultaj gelernantoj povas atingi ĝis la deksesa jaro.

Feliĉigas min kiel pedagogon en la profundo de mia koro, ke la admirinda verko Zamenhofa enhavas altvaloran fondon por persona sinformado, kiu donas al ni la eblon, pedagogie solvi la nefacilan taskon, kiu estas la bona lingva lertigo de la tuta popola junularo. Ankoraŭ pedagogoj tro malmulte esploris la rilatojn inter gepatra lingvo, mondhelplingvo kaj fremdlingvo; tial ne tie ĉi detaloj povas esti diskutataj.

Mi kredas tamen, ke mi povos pedagogie prirespondi la jenan proponon: Sur la suba ŝtupo de la mezagrada lernejo (5-a ĝis 7-a lernjaro) eklernu Esperanton ĉiuj tiuj infanoj, kiuj poste volas aŭ devas partopreni instruadon en naciaj fremdlingvoj; sur la supera ŝtupo de l' mezgrada lernejo (8-a ĝis 10-a lernjaro) ĉiuj ceteraj sanaj geknaboj provu lerni la mondhelplingvon.

Tia antaŭzorgo farus la proletarian laboristaron kapabla, ke ĝi ne nur povus tutkompreni la ofte fremdvortriĉan lingvon de parolantoj kaj verkistoj kaj scipovi pli facile ol ĝis nun la gepatran lingvon, sed ankaŭ interkompreniĝi kun alinaciaj homoj; tiun ĉi bezonon inteligentaj laboristoj sentas kiel deziron de l' homaro ĉiam pli urĝe, okaze de ĉiu progreso en la nunaj internaciaj rilatoj."

---

# Rilato inter familiaj profesioj kaj infanaj intelektaj kapabloj.

Multaj kompetentaj edukistoj metas gravan valoron sur la esploradon de intelekta kapableco de la infanoj, ĉar tio povas influi sur la infanoj, kiam oni donas profesian laboron por ili en estonteco.

Rilate al tio, nia statistiko estas:

| familiaj profesioj | intelekta kapablo de la infano |
|---|---|
| militistoj | 92,6 % |
| burĝoj | 90,8 % |
| kuracistoj kaj inĝenieroj | 89,6 % |
| oficistoj | 88,1 % |
| komercistoj | 87,8 % |
| veturigistoj kaj subinĝenieroj | 85,9 % |
| belartistoj | 84,1 % |
| ĉarpentistoj | 81,6 % |
| metiistoj | 81,4 % |
| laboristoj | 81,2 % |
| makleristoj | 77,2 % |
| portistoj | 76,9 % |
| konstrulaboristoj | 75,5 % |
| terkulturistoj | 73,4 % |

Laŭ la montrita statistiko kiuj okupas pli ol 90% estas la infanoj ĉe la militistoj kaj la burĝoj, kaj ni ankaŭ povas vidi ĉe la ceteraj klasoj, kiel la familiaj profesioj laŭ iliaj karakterizoj donas gravan influon sur la intelektan kapablecon de la infanoj. (Kial? — Red.)

Tradukis Sutezo Simazaki, instruisto, Kaneyama-Hongo Igugien, Miyagi-Ken, Japanio. (El TEPS.)

---

# Internacia Nov-Lernejo.

Kamarado Roĵe intencas malfermi nov-lernejon en franca provinco Provenco. Li aplikos en ĝi metodojn Montessori kaj Cousinet, la unuan laŭ nova plano. Materialo estos preskaŭ luksa, lernejo apud arbaro en belega pajzaĝo.

Tie gravaj rabatoj estos konsentataj al sindikatanoj, membroj de SAT, multenombraj familioj, malriĉuloj.

Esperanto estos parolata inter diverslandanoj. Vivo naturista.

Diskonigu tiun entreprenon. Turnu vin al: Roĵe Lallemand, chez Melle Encastet, rue Maubec, Lescar (Basses Pyr.), Franclando. (El TEPS.)

# La Moskva Teatro por infanoj

starigas antaŭ vi la jenajn demandojn:

1. Ĉu ekzistas en via lando specialaj teatroj por infanoj?
2. Kiom da teatroj ekzistas?
3. Kiaj teatroj (pupaj, dramaj, ktp.)?
4. Kiajn repertuarojn ili havas?
5. Kiu subtenas la teatrojn?
6. Kian laboron kondukas teatro krom spektakloj?

Se gekamaradojn interesas iuj demandoj el laboro de Moskva teatro aŭ pri arta edukado en USSR, bonvolu skribi al: Pedagogiĉeskaja ĉast, Tverskaja 61, Moskvo 9, USSR. (El TEPS.)

# Interligo kun Sovjetaj Lernejoj.

Eksterlanda fako de Akademio de Komunista Edukado prenas sur sin la peradon por interligi la sovjetajn lernejojn (komence moskvajn kaj uralajn) kun lernejoj el diversaj landoj. Bonvolu direkti viajn korespondojn al: Oĝgibesov, B. Trubeckoj 16, AKV Moskvo 21, USSR.

---

# Situacio de TAGE inter la instruistoj.

**Oficiala Rekono de TAGE.**

**Konferenco de FIAI.** Federacio Internacia de Asocioj Instruistaj (FIAI) havis sian ĉi-jaran internacian konferencon la 6.—8. aprilo en Bellinzona. Tiun konferencon partopreni invitis FIAI ankaŭ TAGE-on. La Federacio skribis interalie: „Kvankam via asocio ĝis nun ne aliĝis al FIAI, ni pensas, ke vi interesiĝas pri la diskutoj, per kiuj reprezentantoj de 500 000 eŭropaj instruistoj ekzamenos en spirito de kora frateco la grandajn problemojn de la lernejo en ĉiuj landoj.

Tagordo: Raportoj de la sekretarioj;
Raporto pri faritaj enketoj:
La salajro kaj la ekonomia situacio de la instruistoj.
La ĝenerala kaj profesia klerigo de la instruistoj.
La lernejo kaj la repaciĝo de la popoloj.
La lernejo, la eklezioj kaj la ŝtato.

Se ne partoprenos reprezentantoj de via asocio kiel plenrajtaj kaj respondecaj delegitoj en niaj interkonsiloj, ni estos tre feliĉaj vidi, ke la laboroj de la kongreso de Bellinzona estos aŭskultataj de unu aŭ kelkaj membroj de via asocio kiel observantoj."

Nia ĝojo pri tiu afabla invito de FIAI al TAGE ankoraŭ pligrandiĝis, kiam ni ricevis de Prof. P. Bovet, direktoro de la Internacia Oficejo de Edukado, Ĝenevo, la konsenton, surpreni la reprezentadon de TAGE en Bellinzona. Li transdonis al la konferenco saluton de TAGE kaj petskribon rilate Esperanton.

Ni esperas, ke ni povos aperigi interesan raporton pri la tuta konferenco en la venonta numero. Hodiaŭ ni konstatas, ke TAGE estis reprezentata en plej respektinda formo en grava kongreso de internacia instruistaro, por kio Prof. Bovet meritas la plej koran dankon de TAGE.

**Jarlibro de FIAI.** FIAI preparas tutmondan jarlibron pri instruado, en kiu ekz. aperos la diversaj instruistaj asocioj. Ankaŭ TAGE estis petata, sendi la necesajn informojn pri nia asocio.

Kompreneble mi ne povis skribi la nombron de Esperanto-instruistoj kolektitan de D-ro Dietterle, sed mi devis skribi la modestan nombron de nia abonantaro: 800. Kvankam ni povas tre ĝoji pri la rapida kresko de nia movado kaj eĉ pli pri la novaj grandiozaj bonŝancoj, — en tiu momento de oficiala raportado al FIAI mi bedaŭris, ke mi ne povis skribi pli imponan nombron. Montriĝis fakto, ke **malpropagandas Esperanton inter la instruistaro** tiu, kiu ne apartenas al TAGE.

**Aliĝo de Instruistina Asocio al TAGE.** Rissky Svaz Ĉeskoslovenskych Uĉitelka, la Tutrespublika Asocio de Ĉeĥoslovakaj Instruistinoj, kies prezidantino estas kolegino F. Plaminkova, membro de la Senato, aliĝis al TAGE. Ni povas fieri pri tiu nova grava sukceso de TAGE, kaj ni ŝuldas dankon al la propagandistoj, kiuj atingis ĝin.

Rissky Svaz ni salutas plej kore kiel unuan instruistan asocion, kiu aliĝis al TAGE.

Uzu la ĝojigan fakton en via propagando kaj klopodu aligi la instruistajn asociojn de via urbo, distrikto aŭ lando. Via propagando estos facila, se okazos atendataj favoraj decidoj de FIAI-Bellinzona kaj Worldfederation-Ĝenevo.

---

## Interŝanĝo de Kolegoj.

Interŝanĝo estas projekto de ĉiuj internaciaj instruistaj asocioj. TAGE povas kaj devas esti modelo en tiu rilato. Se ni volas organizi tiun interŝanĝon, ni evitu bazi ĝin nur sur idealismo. Kontraŭe ni konsideru la aferon kiel neprofitigan negocaĵon kaj elektu kiel direktilon la konsideron: Kiel mi mem dezirus vivi ĉe gastiganto sen ekspluati lin. La interŝanĝo ankaŭ ne okazu sub la kondiĉo de reciprokeco. Kiu estas preta, gastigi eksterlandanon dum kelka tempo, bonvolu komuniki tion kaj la specialajn kondiĉojn en IPR. Nia gazeto aperigu tiujn anoncojn senpage, ankaŭ petojn de niaj abonantoj pri gastigo.

Mi mem komencas per oferto: Mi akceptas gekolegojn por 1 ĝis 3 semajnoj en la tempo de 26. 5. ĝis 10. 7. kaj de 26. 8. ĝis 26. 9. Du-lita ĉambro. La lito 1 M. por ĉiu nokto. Manĝaĵojn prizorgu aŭ pagu mem. Lingvoj: germ., esp., angla kaj franca.

Kaj mi ankaŭ havas peton al la svedaj aŭ danaj kolegoj: Kiu bonvolas akcepti min kaj mian edzinon sub similaj kondiĉoj en la tagoj de la kongreso de Helsingör?

Goldberg, Oetzsch, Im Lumbsch.

## Sendu artikolojn por IPR al la redakcio!





**La venonta numero aperos la 1-an de junio.**



**Korespondado.**

A. Valoušek, instruisto, **Brno-Kral. Pole,** Tyrŝova 19, Ĉeĥoslovakio, korespondas pri moderna laborlernejo kaj interŝanĝas pedagogiajn gazetojn kun rusoj, poloj kaj bulgaroj.

A. Prapuolenis, instruisto, **Kazlu Rudor,** Litovio, deziras korespondadi kun tutmondaj geinstruistoj pri fakaj temoj, precipe pri geinstruista sociala vivo, kaj interŝanĝi korespondaĵon de lernantoj, ankaŭ pedagogiajn objektojn, facile transsendeblajn manlaboraĵojn kaj alian kolektaĵon.

P. Glöckner, studkons., **Pirna-Co.,** Germanujo, Damaŝkestrato 24, deziras korespondi kun komercinstruistoj. Liaj 10 gelernantoj 15—17-jaraj deziras korespondadon kun samaĝaj geknaboj. Pri respondo mi nepre garantias, ĉar mi konas la ĉagrenon pro nerespondo.

**Ne prokrastu vian reabonon! Ne forgesu la alsendon de via kotizo! Kiu ne pagas baldaŭ, ne plu ricevos la gazeton.**

# Bonvolu atenti, gekolegoj!

**Sendu plej eble baldaŭ viajn kotizojn!**

Depost la unua de januaro 1929 la abonantoj el jenaj landoj povas pagi siajn kotizojn **per poŝtĉeko:** Jugoslavio, Saarteritorio, Danzig, Belgio, Danujo, Francujo, Letlando, Nederlando, Aŭstrio, Svedujo, Svislando, Ĉeĥoslovakio kaj Hungarujo.

**Administrejo: Karl Kröber, Weststr. 4/II, Riesa, Germanlando**
Postscheckamt: Dresden 1107 15.

## Tutmonda Esperantista Pedagogia Servo (TEPS)

estas racia utiligado de kolektiva korespondo inter geinstruistoj el tutmondo por esperanta kaj nacilingva gazetaro.

Sendu ĉiumonate artikolon pri vialandaj lernejo kaj instruistaro; ĝi nepre aperos en TEPS-Informilo 16-paĝa, kiun vi ricevos tute senpage.

Turnu vin al Marcel Boubou, 96 rue Saint Marceau, Orléans (Loiret) Francio.

# Sennaciulo

**semajna gazeto de la laborista esperantistaro.** 12-paĝa, ilustrita, belaspekta, bone redaktata en Zamenhofa stilo. 2,5 germ. mk. por 3 monatoj.

**Administracio: R. Lerchner, Colmstr. 1 Leipzig O 27, Germ.**

Mendu ankaŭ la aktualan broŝuron **„La laborista esperantismo“** de E. Lanti. 40 paĝoj. 0,40 germ. mk.

**Simplaj korespond-anoncoj senkostaj — por abonantoj de IPR kaj por viaj kursanoj!**

Preso: Heroldo de Esperanto, Köln, Brüsseler Str. 94, Germ.